# HAMBURG Esperanto




**2/1995**

Aprilo/Majo

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.




## Granda ekspozicio pri klerigado en Hamburg 21.-23.4.1995

# WEITER



# BILDUNG

# Enhavo



# Editoraĵoj

**Eldonanto**:
*Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95
D-20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)
Kto. 173 22-207
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr*
Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,
✆ (040) 43 51 97
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 3/1995:**
**13-5-95**

# Sentenco

Pedanto estas
**stultulo**
adulterita per studado.

*Miguel de Unamuno, Hispana verkisto*

# JES,
# ni ne havas kafon

Tiel strange ŝajnis al mi tiu travivaĵo en Rostock, dum la renkontiĝo de la nordaj federaciaj landoj, kiu ĵus okazis, ke mi memoris pri la malnova Usona kanto "Yes, we have no Bananas" (Jes, ni ne havas Bananojn). Estis en la gastejo de la kunvenejo, kie ni, kelkaj Hamburganoj, post prelego deziris trinki tason da kafo. Kvankam ni vidis plenan kruĉon da kafo sur la tablo, la ĉefo de la gastejo asertis al ni, ke ne eblas doni al ni kafon. Post plia demando li klarigis, ke ĉiuj tasoj estis malpuraj kaj ke la maŝino bezonas duonan horon por purigi ilin. Do ni kaj la kafo devis atendi duonan horon. Krome li klarigis al ni kun malafabla tono ke ni, per nia daŭra kafomendado, ĝenis lin en lia laboro...
Ankaŭ la organizintoj de la renkontiĝo havis malfacilaĵojn kun li: Ĉiam denove necesis klarigi al li kiam ni bezonis kiom grandan salonon, kaj peti lian permeson, kvankam ĉio jam antaŭe detale estis priparolita. Tia konduto de gastejestro ege memorigis min pri la iama GDR.
Tamen, ankaŭ en Rostock ekzistas homoj, kiuj lernis, kiel funkcias servo al klientoj: En kafejo vid-al-vide de la urbodomo la kelnerino estis tiom rapida, ke oni apenaŭ finparolis la mendon kiam ŝi jam servis. Malgraŭ la streĉa laboro la kelnerino ĉiam ridetis, kaj tiel la kafo gustis duoble bone. Ne estas mirinde ke ni eĉ dufoje dum unu tago vizitis la saman kafejon.
Pri la programaj okazintaĵoj dum la renkontiĝo de la nordaj federaciaj landoj vi povas legi sur paĝo 6.

*Benno Klehr*

## Helpantoj bezonataj

**Hamburg (ehh). De la 21a ĝis la 23a de Aprilo 1995 en Hamburg denove okazos la ekspozicio pri klerigado, laŭ la kutima dujara ritmo. Ankaŭ ĉi-jare helpantoj estas bezonataj por ebligi la starigon de la stando kaj por reprezenti nian landan ligon.**

La ĉefprizorganto, d-ro Bodo Schneider, petas ĉiujn, kiuj havas iom da tempo, kunhelpi por kiel eble plej sukcese okazigi tiun ekspozicion por ni.

**Helpemuloj bonvolu anonciĝi ĉe *Bodo Schneider* aŭ *Irmgard Karst*.**
**Telefono:** (0 40) **58 71 82**




## Prelegoj dum la ekspozicio

21.4., 16.45 h – 17.15 h, prelego de ***Irmgard Karst***
Titolo: **Einblicke in die ganz besondere Sprache Esperanto**

22.4., 16.15 h – 16.45 h, prelego de ***d-ro Werner Bormann***
Titolo: **Fremdsprachen im modernen Europa**

## Novaj kursoj

25.4., 17.30 h – 20.30 h, enkonduko de ***d-ro Bodo Schneider***:
**Einführung in Kultur und Funktion des Esperanto**

6.5., 14.00 h – 17.00 h, **Schnupperkurs** – provleciono de ***Jürgen Wulff***

9.5., 17.30 h – 19.00 h, **Kurso por komencantoj**, poste ĉiun Mardon
gvidas: ***Bodo Schneider***, libro: **Junulkurso**

---

## Ĉe-Ellen-ir-tago 25.5.1995

Promenemuloj renkontiĝas je la 15a horo ĉe la metro-stacio *Horner Rennbahn* kaj promenas al la klubejo, kie ni je la 16a horo trinkas kafon kaj manĝas kukon.

# NIA TERURA ENIGMO 

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 |
| 13 | | 14 | | | | 15 | 16 | | | | |
| 17 | 18 | | | | | | | | | 19 | |
| 20 | | | 21 | | | | 22 | | | | |
| 23 | 24 | | | | 25 | | | 26 | | | 27 |
| 28 | | | 29 | | | 30 | | | | 31 | |
| 32 | | 33 | | 34 | | | 35 | 36 | | | |
| 37 | | | | | 38 | | | | | | |
| 39 | 40 | | | 41 | 42 | | | | | 43 | |
| 44 | | | | | | | 45 | | | | 46 |

**Horizontale: 1** Fiŝ' – ne nur en Majo. **5** Vermo kun vertebroj. **13** Tiu, kiu diras "Støp", ankaŭ diras tion. **15** Centro de Aŭstra ĉefurbo. **16** Epope' de Vergilio. **17** Vokalo de senvokala Kroata insulo. **18** Energifarant'. **19** Mallonge inter Komotini kaj Kalamata. **20** Respondo pri nekonata maniero. **21** Melodi' de krevanta kartoĉo. **22** Januara okupo de tero en Kobe. **23** Unu el LA Hungaraj verkistoj. **26** Tian monon mi rajtas libere elspezi. **28** Sinten' de Supo-Gasparo. **30** Al past' tio okazas. **31** Maljes. **32** Afer' ne tuŝebla. **34** Radika okupo de juna patrino. **35** Ludas kvar krucpare. **37** Heroo kun kapo. **38** Minoo ricevis tion en persono de Ariadna. **39** Anso en alia form'. **42** Nordamerikano. **43** Nekonata objekto. **44** Aferoj metitaj por certa celo. **45** Akvo alta aŭ malalta.

**Vertikale: 1** Bazo de persipano. **2** Igante al certa direkto. **3** Eliziebla litero. **4** Metalo por kuvoj. **5** Bazo por hektografaĵo. **6** Parto de la plej vendata libro. **7** Senfantazia. **8** LA voĉo de Pollando. **9** Pli ol sufiĉe. **10** Filinoj el Grekio. **11** Antaŭvespera korpa bezono. **12** Lima rivero post Jalta. **14** Jarkomenca salutanto en ESPERANTO. **24** Ĉef de fratoj. **25** Munkena dezir' konsternigas anĝelon. **27** Luma gaso. **29** En printemp' sendata el Amsterdam. **30** Pinĉilo ĉe orelo. **33** Doni aprobon de Dio. **35** Ne ĝenas en komputoro – sed en kuirejo. **36** Havanta sufiĉe da dirhamoj aŭ vonoj. **39** infuzaĵ'. **40** Komencu! **41** difinita artikolo. **43** Infan', iel tiel. **46** Ĉu vere vi atendas ion ĉi-tie?

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00. *GIS*: unufoje monate; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00. *GIS*: einmal im Monat; Auskunft: Tel. (0 40) 58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Di. 18:30.

## APRILO

**1** 10 h **GEFA/GIS** ĉe stacio Altona

**6** *Frank Merla:* **Literatura vespero**

**8** *Studrondo* - 17.00 estrarkunsido -

**13** **Ovo–kunveno** Antaŭpaska vespero

**20** *Jürgen Wulff:* **Tekstprilaborado**

**22** *Studrondo*

**27** **Raportoj pri landaj renkontiĝoj**

**29 - 30 Seminario**

## MAJO

**4** *Frank Merla:* **Literatura vespero**

**6** *Studrondo* - 17.00 estrarkunsido -

**11** **Klubaj aferoj**

**13** **GEFA/GIS** (Altona)

**18** Temo ankoraŭ ne konata ĉe redaktofino

**20** *Studrondo*

**25** **"Ĉe-Ellen-ir-tago"** Festeto, memore al nia mecenatino *Ellen Eggers.* (16 h)

**27 - 28 Seminario**

## GEFA kaj GIS

*Germana Esperantista Fervojista Asocio* kaj *Gesellschaft für Internationale Sprache* havas **komunajn renkontiĝojn** en domo de la Germana Fervojo en Altona, kutime – ne ĉiam – la duan Sabaton monate.
Oni renkontiĝas je la 10a horo antaŭ la "Vojaĝ-Centro" (Reisezentrum) en la fervoja stacio de Hamburg-Altona.

## Ni deziras ĝojan paskon al ĉiuj membroj kaj amikoj.

La estraro de HES.

# Jarĉefkunveno de HES 1995

Dum la jarĉefkunveno ne okazis ŝanĝo en la estraro, ĉar elektoj nur estas ĉiun duan jaron. La membroj kontente eksciis, ke la financa situacio restabiliĝis pro la regulaj enspezoj el la ludonita oficejo. Pro tiu bona bazo en la jaro 1995 la societo povas la unuan fojon plani pri 7000 markoj nur por ekstera laboro kiel varbfolioj, ekspozicioj ktp. Niaj eblecoj neniam estis tiom grandaj.
Tamen denove **mankas kunlaborantoj**, ekzemple por aktive kunlabori en projektoj inter ĝemelurboj, kio estus dezirinda.

# Vizito en Rostock

Naŭ membroj de Hamburga Esperanto-Societo partoprenis en la ***Unua Esperanto-Renkontiĝo de la Nordgermanaj Federaciaj Landoj***. Entute ĉeestis pli ol 50 personoj el Meklenburgio-Antaŭpomerio, Malsupra Saksio, Ŝlesvig-Holstinio kaj Hamburg. Okazis tre interesaj prelegoj de *d-ro Till Dahlenburg* pri nova lernolibro, de *Fred Ruchhöft* pri la historio de Meklenburgio, de *d-ro Werner Bormann* pri Multlingveco en Eŭropo, de *prof. d-ro Ronald Lötzsch* pri la diferenco inter la nomoj de ŝtatanoj kaj popolanoj kaj pri la Soraba minoritato en Germanio, de *Elsbeth Bormann* pri GEA kaj Eŭropa Unio, de *Karin Lencki* pri Naturprotektado, de *Christian Darbellay* pri la signifo de UEA kaj de *Johann Pachter* pri Esperanto-laboro en sudeŭropaj landoj.
Bedaŭrinde ne sufiĉis la spaco en la domo por taŭge prezenti la libroservon de *Pachter* kaj la prospekt-kolekton de *Constant Borremans*. Ankaŭ la kunvenejo estis iom tro malgranda kaj malbone lumigita.
La partoprenantoj ne loĝis en la kunvena domo sed en diversaj hoteloj en la urbo; ankaŭ por manĝi oni devis serĉi taŭgajn restoraciojn ie en la urbo.

*Benno Klehr*

# Seminarioj por kursgvidantoj

Fine de Januaro kaj fine de Februaro okazis la unuaj el kvin seminarioj en la Hamburga Esperanto-Domo. En la unua *d-ro Werner Bormann* prelegis pri la historio de Esperanto kaj la Movado. Por pli bone memori la faktojn, ĉiu partoprenanto ricevis broŝuron pri la temo. Broŝuron ankaŭ transdonis *Harald Schicke*, kiu en la dua seminario parolis pri la literaturo de Esperanto.
Partoprenis 14 personoj, al kiuj tre plaĉis la aranĝoj. La Dimanĉaj tagmanĝoj dum ambaŭ semajnfinoj, preparitaj de *Elsbeth Wielgus*, estis tre laŭditaj de ĉiuj.

## Haringoj Salitaj




Kabareda Grupo de Hamburga Esperanto-Societo

*Haringoj Salitaj*, la kabareda grupo de Hamburga Esperanto-Societo regule renkontiĝas por prepari novan programon.
Interesitoj pri kantado ankoraŭ povas aliĝi. Bonvolu telefone informiĝi ĉe *Elsbeth Wielgus*.

# Du & Deine Welt

En tiu ĉi jaro, fine de Aŭgusto – komence de Septembro denove okazos la ekspozicio "Vi kaj Via Mondo".
**Ni serĉas personon, kiu estas preta, transpreni la gvidon de organizado kaj reprezentado, almenaŭ dum tri aŭ kvar tagoj.** Se vi estas preta, bonvolu informi la estraron de HES.

## HEROLDO DE ESPERANTO

La printempa duobla numero de *Heroldo de Esperanto* enhavas detalan liston de ĉiuj plej gravaj feriaj renkontiĝoj, seminarioj, internaciaj kursoj, kunvenoj kaj kongresoj, kiuj okazas en Esperanto ĉie en la mondo. La listo por 1995 detaligas datojn, adresojn kaj programojn kaj priskribas pli ol 200 aranĝojn.
Oni povas senpage mendi
la duoblan numeron ĉe:
**Heroldo de Esperanto**
**Via Sandre 15**
**I-10078 Venaria Reale (Torino)**
**Italio.**

## Friedrichstadt ankaŭ en 1996

**SHELO invitas duan fojon al la urbo Friedrichstadt.**
Post la unua Esperanto-Renkontiĝo de la nordaj federaciaj landoj en Rostock en Marto 1995, Ŝlesvig-Holstinia Esperanto-Ligo invitas al la *dua renkontiĝo de la nordaj landoj* en Majo 1996.
**Pliaj informoj poste.**

## Kirchentag

**La granda kunveno de la Evangelia Eklezio "*Kirchentag*" okazos en Hamburg, 14. - 18. Junio 1995.**
La organizantoj ankoraŭ serĉas afablajn homojn, kiuj pretas gastigi vizitantojn por tranokti en privataj hejmoj, ĉar la hoteloj ne sufiĉas. Certe ankaŭ venos Esperantistoj, kiuj bezonos litojn dum tiu tempo. Bonvolu sciigi al Hella Lanka, se vi estas preta gastigi vizitantojn.

## MZ-Verlag Harald Schicke prezentas novajn librojn

*Harald Schicke:*
**La korpo de la homo,**
enkonduko al konstruo kaj funkcio;
128 paĝoj, 28 ilustraĵoj, gmk 27,85
+ MWSt.

*Seiiĉi Kato:*
**Lernolibro pri oftalmologio**;
jam aperas en la 3a eldono! 127 paĝoj, 39 ilustraĵoj, gmk 18,50 + MWSt.

*Aira Kankkunen:*
**Klopodu kompreni min,**
instrukcilibro por gepatroj de aŭdodifektitaj infanoj;
50 paĝoj, 81 ilustraĵoj, gmk 11,03 + MWSt.

*Pero Cimbur, tr. s-ino Borcic:*
**Mi resanigis PPPetron**;
por ĉiu homo deziranta venki iun ajn mankon, malmemfidon aŭ timidecon, 140 paĝoj, gmk 18,50 + MWSt.

*D-ro Jaime Scolnik:*
**Sanon! Kuracu vin mem per naturaj metodoj**;
originale verkita en Esperanto, tre valora konsillibro, kiu ne manku en iu libroŝranko, 380 paĝoj, 13 ilustraĵoj, gmk 46,54 + MWSt.

**Ĉiuj libroj estas mendeblaj ĉe:**
**MZ-Verlag Harald Schicke**
**Postfach**
**D-21244 Buchholz**

Aldoniĝas al la prezoj la sendokostoj kaj por Germanio 7% da plusvalora imposto (MWSt).

# SHELO invitas al Friedrichstadt

## de la 5a ĝis la 7a de Majo 1995

La programo enhavos prelegojn, kulturon, turismon.
Loko: junulargastejo; kostoj: malpli ol 100,– GM.

**Rim. de Red.:** *Friedrichstadt* estis fondita en 1621 de Duko Frederiko III de Gottorf por loĝigi tie Nederlandajn emigrintojn. La Dana reĝo, al kies reĝlando apartenis ankaŭ Ŝlesvig-Holstinio, tie volis konstrui havenon konkurence al Hamburg. La urbo prezentas tipe Nederlandajn domojn kaj kanalojn ĉe la riveroj *Eider* kaj *Treene*. La urbeto neniam sukcesis fariĝi grava havenurbo, malgraŭ la favora situo ĉe la rivero *Eider*, kiu en antaŭaj jarcentoj estis uzata por ligi Nordan kaj Baltan Marojn, kiel hodiaŭ la *Kanalo de Kiel*. Ĝis hodiaŭ kelkaj homoj en *Friedrichstadt* ankoraŭ parolas la Nederlandan lingvon; en la kirko regule okazas diservoj en tiu lingvo.

---

# La Landa Ligo Hamburg invitas al seminarioj por kursgvidantoj 29.–30.4.95 kaj 27.–28.5.95

Loko: Esperanto-Domo Hamburg
Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg
Tempoj: Sabate 15.00 ĝis 18.00
Dimanĉe 10.00 ĝis 16.00

Temoj: 29.–30.4. – gramatiko, fonetiko, stilo, eviteblaj eraroj, Germanismoj; gvidas *Benno Klehr*.
27.–28.5. – ludoj en lingvo-instruado; gvidas Germanlingve *Heide Kröger* kaj *Gertraud Führer*.

Prezo: *DM* 60,– / junuloj *DM* 30,–
Membroj de GEA/HH *DM* 30,–
inkluzive tagmanĝo Dimanĉe!